Universala Esperanto-Asocio

(En konsultaj rilatoj kun Unesko)

Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando

Telefono: (010) 36 15 39

Poŝtĉekkonto: 62 73 37
je la nomo de Universala
Kongreso de Esperanto

Banko: Amsterdam-Rotterdam Bank - Rotterdam
konto n-ro 42.69.01.444

Universalaj Kongresoj

59-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Hamburg, 27.7. - 3.8. 1974

Alta Protektanto: D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FRG
Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 3002, Nederlando
Adreso de la LKK: Schärstrasse 26, 205 Hamburg 80, F.R. Germanujo

# OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 2 17 oktobro 1973

## Alta Protektanto

Laŭ invito de la LKK, D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FRG, akceptis la honoran patronecon de la 59-a Universala Kongreso de Esperanto.

## Garantia Kapitalo

La kongreskomitato tutkore dankas al ĉiuj kontribuantoj kaj komunikas, ke la stato de la Garantia Kapitalo estas kontentiga. En unu el la venontaj komunikoj oni publikigos la finan sumon.

## Loĝado en Hamburg

Hotelĉambrojn la kongresanoj povos mendi senpere ĉe la urba instanco, helpe de mendilo ricevota kun la Dua Bulteno. La LKK ne mem peros la ĉambromendojn ! Je dispono estos ankaŭ ne tre multaj litoj en junulargastejoj k.s., kiujn la LKK deziras rezervi por partoprenantoj el landoj kun transpagaj problemoj. Sed ĉi tie validas des pli: Nur tre frua aliĝo kaj mendo garantias la realigon. Por kampadistoj kaj tendumantoj prizorgos la LKK (f-ino Hella Lanka, César-Klein-Ring 14, D-2000 Hamburg 71, FRG).

## Ekskursaj aranĝoj

Kun la ĉirkaŭaĵo de Hamburg la kongresanoj konatiĝos dum la tuttagaj ekskursoj: unu trajne kun dancvagono kaj restoracio al baltmara strando, la alia ŝipe sur la rivero Elbe al la urbeto Glückstadt. En Hamburg mem ekzistas komprenehle abundo da vidindaĵoj: haveno, malnovaj kvartaloj, komercdomoj, lageto kun promenboatoj, televidturo kun rava elrigardo, bestĝardeno ktp.

- 2 -

Kompletigaj informoj pri la LKK

Aldone al la listo de LKK-anoj, aperinta en la Oficiala Komuniko n-ro 1, oni notu jenajn precizigon kaj kompletigon: S-ro W. Bernhard (giĉetoj), S-ro J. Kühnel (revizoro), S-ino E.Sudec (helpkasistino) kaj s-ro T. Dieses (revizoro).

Ŝanĝoj en la listo de Kongresaj Perantoj

Francujo: (nova adreso!) Unuiĝo Franca Por Esperanto, 4 bis Rue de la Cerisaie, F - 75004 Paris.

Hispanujo: la ofico provizore vakas.

Israelo: (nova peranto!) S-ro Israel Israeli, str. Hercel 98, Tel Aviv.

Italujo: (nova adreso!) Itala Esperanto-Federacio, Via Villoresi 38, I-20143 Milano.

====================

La redaktoroj de ĉiuj Esperanto-gazetoj, kiel ankaŭ de la esperantlingvaj radio-elsendoj estas petataj represi aŭ elsendi informojn pri la 59-a Universala Kongreso de Esperanto en Hamburg, 1974, kiujn regule publikigas la Loka Kongresa Komitato kaj la Konstanta Kongresa Sekretario.

====================

Universala Esperanto-Asocio

(En konsultaj rilatoj kun Unesko)

Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando
Telefono: (010) 36 15 39
Poŝtĉekkonto: 62 73 37
je la nomo de Universala
Kongreso de Esperanto
Banko: Amsterdam-Rotterdam Bank - Rotterdam
konto n-ro 42.69.01.444

Universalaj Kongresoj

59-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Hamburg, 1974 07 27 - 08 03

Alta Protektanto: D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FR Germanujo

Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando

Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Schärstr. 26, D-205 Hamburg 80.

OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 5 1974 01 31

14a INFANKONGRESETO ATENDAS SIAJN JUNAJN GASTOJN

Kontraŭe al pli frua informo, en la 14a Internacia Infana Kongreseto, okazonta samtempe kun la Universala Kongreso en Hamburgo, estos loko por maksimume 46 infanoj. Pro tio estas konsilinde anonci la aliĝojn kiel eble plej frue. Aliĝilo estas jam preta kaj ricevebla ĉu de la Centra Oficejo en Rotterdam, ĉu de la adreso de la LKK en Hamburgo. La kongresetejo estas tre taŭga domo proksime de Hamburgo: Schullandheim Gut Hoisbüttel, kaj la infanojn prizorgos minimume kvin profesiaj edukistinoj kaj pedagogie spertaj komisiitinoj. Rajtas partopreni infanoj de 6- ĝis 13-jaraj, kiuj havas sufiĉan lingvoscion. La kotizo, kiu inkluzivas la loĝadon, manĝojn, programon, prizorgon kaj asekuron, estas por unuopa infano 100,- germanaj markoj. Plia frat(in)o, kiu samtempe ĉeestas, pagas kotizon de 75,- GM.

BLINDULA KONGRESO DENOVE SAMTEMPE KUN UK

Samtempe kun la Universala Kongreso kaj en ĝia kadro okazos la 42a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj. Ĝis la 28a de januaro 1974 aliĝis al ĝi jam 110 personoj el 15 landoj. Restas nur malmultaj litoj disponeblaj por pliaj aliĝontoj, kaj la organizantoj rekomendas fruan sinanoncon, ĉar la restantaj lokoj estos asignitaj laŭ la sinsekvo de la aliĝoj. Oni turnu sin al la afergvidanto de la blindulkongreso: S-ro Karl-Heinz Hoffmann, Gemseneck 14, D-2000 Hamburg 54; telefono (040) 54 39 49.

FERVOJGIĈETO POR LA KONGRESANOJ

En la kongresejo en Hamburgo estos instalita oficiala giĉeto de la ŝtata fervojo Deutsche Bundesbahn. Ĝiaj Esperante-parolantaj deĵorantoj donos al la kongresanaro ĉiujn servojn, kiuj rilatas al la fervojo, ekzemple pri mendoj de sidlokoj, mendoj de dormvagono ktp.

PLIA KARAVANO AL HAMBURGO

Anoncis karavanon ankaŭ Japana Esperanto-Instituto. Organizas ĝin s-ino Yukiko Isobe (p/a JEI, Hongo 2-2-14, Bunkyô-ku, Tokio 113).

SOLIDA FINANCA GARANTIO

LKK kun granda kontento anoncas, ke la Garantia Kapitalo (por kovri eventualan deficiton) jam superis la fiksitan sumon de 5.000,- gld. Germanaj esperantistoj inter si kolektis en nur kelkaj monatoj sumon de pli ol 7.000,- germanaj markoj. LKK deziras publike danki per ĉi tiu sciigo ĉiujn kontribuintojn.

VOJAĜANTAJ REKLAMILOJ

La varbado por partopreno en la 59a UK progresas grandpaŝe. Interalie jam tri serioj da diapozitivoj kun sonbendo vojaĝas de klubo al klubo tra Ameriko, Japanujo kaj Skandinavio. Kvara kopio estas ĵus pretigita por aliaj eŭropaj landoj. Laŭ la nombro de jam ricevitaj mendoj, la diapozitivoj kaj sonbendoj pluvojaĝos minimume ĝis la fino de majo. La LKK, kiu preparis tiujn materialojn, faras sian eblon por kontentigi ĉiujn mendintojn sed afable petas ilin havi paciencon, ĝis venos ilia vico.

KONVERSACIAJ RONDOJ POR KOMENCANTOJ

Estas proponite organizi en la kadro de la Universala Kongreso "konversaciajn rondojn por komencantoj" sub la gvido de spertaj parolantoj. Interesitoj partopreni, ĉu komencantoj, ĉu personoj kapablaj gvidi tiajn rondojn, bonvolu sin anonci poŝtkarte al la adreso de la Loka Kongresa Komitato, por ke ĝi povu enkalkuli en la programo la bezonatan tempon kaj spacon.

GRAVA ATENTIGO PRI LOĜIGO

La kongresanoj estas varme petataj ne skribi jam nun al la adresoj de la Kongreso, nek al la urba turisma oficejo de Hamburgo, pri mendo de hoteloj. Tiaj petoj nur sennecese laborigas la organizantojn. Ĉiu aliĝinto ricevos fine de februaro aŭ komence de marto, kune kun la Oficiala (Dua) Bulteno, hotelmendilon. Ĉiu, kiu mendos tiumaniere, ricevos post nelonge la konfirmilon pri la menditaj litoj.

740131 -fino-

Universala Esperanto-Asocio

(En konsultaj rilatoj kun Unesko)

Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando
Telefono: (010) 36 15 39
Poŝtĉekkonto: 62 73 37
je la nomo de Universala
Kongreso de Esperanto
Banko: Amsterdam-Rotterdam Bank - Rotterdam
konto n-ro 42.69.01.444

Universalaj Kongresoj

59-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Hamburgo, 1974 07 27 - 08 03

Alta Protektanto: D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FR Germanujo

Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando

Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Schärstr. 26, D-205 Hamburg 80.

==========================

OFICIALA KOMUNIKO

==========================

N-ro 6 1974 02 26

SALUTO DE KANCELIERO BRANDT

La Federacia Kanceliero Willy Brandt, Nobel-premiito pri paco, afable konsentis saluti la Universalan Kongreson per mesaĝo presota en la Kongresa Libro.

DUA BULTENO APERONTA

Baldaŭ aperos la 32-paĝa Oficiala Bulteno (dua), kiu estos sendita al ĉiuj ĝisnunaj aliĝintoj de la UK. La ilustrita kajero enhavos interalie detalojn pri la provizora programo, utilajn informojn pri Hamburgo kaj pri la Kongreso ĝenerale, priskribon de la loĝsituacio, ekskursoj kaj postkongresaj aranĝoj, kaj mendilojn por loĝado, bankedo, ekskursoj kaj postkongreso.

LA GAZETARO ATENTAS LA KONGRESON

Sub la titolo "Homoj el 60 nacioj kaj unu komuna lingvo" la influhava ĵurnalo "Die Welt" (eldonkvanto 263 000 ekz.) aperigis en la numero de la 12a de februaro 1974 ampleksan artikolon pri la 59a Universala Kongreso. Jam pli frue komencis aperadi informoj kaj artikoloj pri la UK en hamburgaj kaj aliaj FR-germanaj gazetoj. La pozitive akcentita artikolo en "Die Welt" priskribas interalie la batalon kontraŭ lingva diskriminacio, kiun kondukas la Esperanto-movado, kaj emfazas la temon de la Kongreso, "Naciismo kaj internacia kunlaboro en la nuntempa mondo".

ANKORAŬ EBLAS ĜUI MALPLI ALTAN ALIĜTARIFON

Proksimiĝas denove limdato por la tarifo de kongreskotizoj. Ĝis la 31a de marto 1974 la aliĝkotizo por kongresano, kiu samtempe estas

individua membro de UEA kun revuo kaj jarlibro (MA), restas 77,80 gld. Post tiu dato la kotizoj altiĝas je ĉ. 10%. Tial estas rekomendinde jam nun decidiĝi pri la partopreno kaj profiti la pli fruan tarifon.

La sama limdato validas ankaŭ por sinanoncoj de tiuj, kiuj pro devizaj aŭ pasportaj kaŭzoj povos pagi la aliĝkotizon nur post la alveno en Hamburgo. Por ĝui la tarifon de la unua aliĝperiodo, ili devas ĝis la fino de marto enskribiĝi ĉe la konstanta adreso de la Kongreso en Rotterdam.

ANKORAŬ DISPONEBLA LA UNUA BULTENO

Estas ankoraŭ senpage ricevebla, ĉu por unuopaj interesitoj, ĉu por distribuo en kluboj, kongresoj, kun gazetoj kaj simile, la Unua Oficiala Bulteno, kvarpaĝa ilustrita prezento de la Kongreso kaj kongresurbo, kune kun la aliĝilo. Oni bv. adresi la petojn, prefere poŝtkarte, al la konstanta adreso (en Rotterdam).

RIĈA ELEKTO DE TEMOJ POR ISU

Por la 27a sesio de la Internacia Somera Universitato (ISU) jam proponis prelegojn 18 profesoroj el 12 landoj. La definitivan elekton por la ĉi-jara programo de ISU faros la Estraro de UEA en sia kunsido komence de aprilo.

PLIAJ PAROLTEMOJ POR LA JUNULARO

Al la jam anoncitaj temoj elekteblaj por la ĉi-jara Oratora Konkurso en Hamburgo estas aldonitaj pliaj du:
"Internaciigo de la edukado", kaj
"Internacia kunlaboro de la junularo".
Detaloj pri la Konkurso kaj listo de ĉiuj temoj aperos en la dua Oficiala Bulteno.

KUNVENOJ POR ĈIES INTERESOJ

La pluraj dekoj da fakaj kaj specialaj kunvenoj jam anoncitaj por la 59a UK ampleksas vastan gamon da temoj, en kiuj ĉiu kongresano certe trovos ankaŭ proprajn interesojn. Apud la regulaj kunvenoj de fakaj kaj religiaj organizaĵoj kunlaborantaj kun UEA troviĝas en la programo ankaŭ multaj kunsidoj de aliaj instancoj kaj malpli konataj fakaj organizaĵoj.

FRUE MENDI KOMUNAN LOĜEJON

LKK aparte atentigas tiujn, kiuj preferas loĝi en komuna (kaj malpli kosta) loĝejo, ke necesas tion frue mendi. Mendilo estas jam nun ricevebla ĉe la komisiitino de LKK, f-ino Hella Lanka, D-2 Hamburg 71, César-Klein-Ring 14, FRG. Plenaj detaloj pri loĝado aperos en la dua Oficiala Bulteno.

KARAVANOJ ANKAŬ EL BRITUJO

Grupvojaĝojn al la UK en Hamburgo organizas kunlabore kun Brita Esperantista Asocio: Express Boyd Ltd., 4/5 Bonhill Street, London EC2A 4BX. Limdato: la 16a de aprilo 1974. La organizantoj proponas tri diversajn vojaĝeblecojn.

TRA PITORESKA NEDERLANDO

Por la turisma alvojaĝo al Hamburgo organizata sub tiu titolo de f-ino M.H. Vermaas (Nieuwe Binnenweg 70 II, Rotterdam-3002, Nederlando) la aliĝlimdato estas ŝovita ĝis la 15a de aprilo 1974, i.a. pro la poŝtaj strikoj en kelkaj landoj. Pliaj informoj estas riceveblaj ĉe la indikita adreso.

TURISMAJ PROSPEKTOJ PRI HAMBURGO

Interesitoj povas peti ilustritan prospekton pri Hamburgo (en Esperanto) de la Urba Turisma Oficejo: Fremdenverkehrszentrale Hamburg E.V., D-2 Hamburg 1, Bieberhaus.

KOMUNA KONGRESO DE KELI KAJ IKUE

La Tria Internacia Kongreso de Kristanaj Esperantistoj (la 35-a de IKUE, la 26a de KELI) okazos en Jugendpark, Hamburg-Langenhorn, FR Germanujo, de la 20a ĝis la 27a de julio 1974, t.e. tuj antaŭ la Universala Kongreso. Por informoj kaj aliĝiloj oni turnu sin al s-ro F. Galbusera, V. Ghiacciaia 6, I-37100 Verona, Italujo aŭ al f-ino Tini Putto, Weerdestein 43, Ede 6100, Nederlando. Aliĝoj estas petataj antaŭ la 15a de aprilo.

ALLOGA PROGRAMO EN KRONACH

La Postkongreson en la nordbavara urbo Kronach oficiale aranĝas la urba turisma oficejo. Ĝi jam publikigis detalan programon kaj aliĝilon. La programo aparte akcentas la turisman flankon, kun pluraj tuttagaj ekskursoj, kaj interkontaktigon de la partoprenantoj kun la lokaj loĝantoj. Detaloj aperas en la dua Oficiala Bulteno de la UK.

Statistiko (ĝis la 20a de februaro 1974)

Arg. 4, Aŭstralio 1, Aŭstrujo 27, Belg. 25, Braz. 3, Brit. 46, Bulg. 31, Ĉeĥ. 5, Dan. 28, Egipt. 2, Finn. 53, Franc. 97, FRG 248, Grek. 3, Hind. 1, Hisp. 15, Hung. 10, Irl. 1, Isr. 1, Ital. 43, Jap. 20, Jug. 43, Kanado 8, Kore. 1, Luks. 1, Madag. 1, Meks. 1, Monako 1, Ned. 90, Norv. 6, NovZ. 1, Pol. 16, Portug. 6, Rum. 1, Sov. 4, Sudaf. 2, Sved. 60, Svis. 28, Turk. 1, Urug. 1, Usono 26, Zairo 3. Entute (el 42 landoj): 965 kongresanoj.

740226 -fino-

Universala Esperanto-Asocio

(En konsultaj rilatoj kun Unesko)

Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando
Telefono: (010) 36 15 39
Poŝtĉekkonto: 62 73 37
je la nomo de Universala
Kongreso de Esperanto
Banko: Amsterdam-Rotterdam Bank - Rotterdam
konto n-ro 42.69.01.444

Universalaj Kongresoj

59-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Hamburgo, 1974 07 27 - 08 03

Alta Protektanto: D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FR Germanujo

Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando

Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Schärstr. 26, D-205 Hamburg 80

## OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 7 1974 03 25

### ANKAŬ HUNGAROJ KARAVANOS

Karavanvojaĝon al Hamburgo - pageblan en forintoj - anoncas Budapeŝta Teritoria Komitato de Hungara Esperanto-Asocio, H-1443 Budapeŝto, Poŝtkesto 153 (poŝta ĉekkonto: OTP 511-212598). La prezo - ĉ. 7500 forintoj - entenas ĉiujn elspezojn, inkluzive de pasporto kaj vizoj, loĝado en Hamburgo, manĝoj, trajnveturo kun dormvagono kaj poŝmono.

### PROGRAMO BALDAŬ DEFINITIVA

Fine de marto la vicdirektoro de la Centra Oficejo de UEA, s-ro Simo Milojević, veturis al Hamburgo por i.a. surloke ellabori la definitivan programon de la Kongreso interkonsiliĝe kun LKK kaj kun la respondeculoj de la kongresejo. En la kunsido de la Estraro de UEA de la 5a ĝis la 7a de aprilo la programprojekto estis pridiskutita kaj finaprobita.

### LIMDATO POR ANONCOJ PROKSIMIĜAS

Esperanto-eldonejoj, asocioj kaj aliaj, kiuj konsideras reklami en la Kongresa Libro de Hamburgo, havas ankoraŭ tempon por tion mendi nur ĝis la fino de aprilo. Ni memorigas pri la prezoj: por tuta paĝo 100 germanaj markoj; por duona paĝo 70 g.m.; por kvarona paĝo 40 g.m. Interesitoj bv. turni sin al la konstanta adreso en Rotterdam.

### BANKEDO EN INDA ĈIRKAŬAĴO

La Oficiala Bankedo de la Universala Kongreso okazos en la belega Festa Salono de la kongresejo, lundon la 29an de julio. Menuo kaj mendilo aperis en la Dua Oficiala Bulteno. Prezo: 33 germanaj markoj.

EKSKURSOJ JAM MENDEBLAJ

Rondveturadoj en Hamburgo estos aranĝitaj plurfoje ĉiutage dum la kongresa semajno. Ili estos kombinitaj kun rondiraj boatveturadoj en la haveno. En ĵaŭdo, la 1a de aŭgusto, okazos samtempe du tuttagaj ekskursoj: unu per trajno tra Lübeck kaj la nordgermana ebenaĵo ĝis Heiligenhafen ĉe la Balta Maro; la alia per ŝipo sur la rivero Elbe ĝis Glückstadt, urbeto, kiu ankoraŭ konservis sian malnovan ĉarmon. Detaloj kaj mendilo aperis en la Dua Oficiala Bulteno.

EKSPOZICIO PRI TEJO

En la kadro de la Junulara Tago - jam tradicia parto de la kongresa programo - estas planata ekspozicio pri la junulara sekcio de UEA. La preparojn prizorgas Franko Luin (Myggdalsvägen 123, S-135 00 Tyresö, Svedujo), kiu mem estas fakulo pri reklamgrafiko. S-ro Luin volonte akceptas proponojn kaj sugestojn de gejunuloj pretaj helpi.

FILMVESPERO

Inter aliaj filmoj montrotaj en Hamburgo, la kongresanoj havos okazon (re)vidi la unuan originalan draman filmon en Esperanto, "Angoroj", reĝisoritan de J-L. Mahé.

ORNITOLOGOJ SUR SYLT

En Westerland sur la insulo Sylt okazos, lige kun la 59a Universala Kongreso, la 3a Ornitologia Semajnduono, organizata de Ornitologia Rondo Esperantlingva. La aranĝo daŭros de la 3a ĝis la 8a de aŭgusto, kaj ĝi inkluzivos ekskurson al la nordmara insulo Helgoland. Informas: Berthold Fischer, D-228 Westerland, Am Friedrichshain 4, FR Germanujo.

STATISTIKO

Ĝis la 27a de marto estis registritaj 1 055 kongresanoj el 43 landoj, nome: Arg. 4, Aŭstralio 1, Aŭstrujo 32, Belg. 25, Braz. 4, Brit. 51, Bulg. 32, Ĉeĥ. 5, Dan. 31, Egipt. 2, Finn. 55, Franc. 102, FRG 268, Grek. 3, Hind. 1, Hisp. 16, Hung. 10, Irano 1, Irl. 1, Isr. 2, Ital. 53, Jap. 26, Jug. 45, Kanado 8, Kore. 1, Luks. 1, Madag. 1, Meks. 5, Monako 1, Ned. 106, Norv. 7, Nov-Z. 1, Poll. 18, Portug. 6, Rum. 1, Sov. 4, Sudafr. 2, Sved. 62, Svis. 28, Turk. 1, Urug. 1, Usono 28, Zairo 3.

730326 FINO

Universala Esperanto-Asocio
(En konsultaj rilatoj kun Unesko)

Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando
Telefono: (010) 36 15 39
Poŝtĉekkonto: 62 73 37
je la nomo de Universala
Kongreso de Esperanto
Banko: Amsterdam-Rotterdam Bank - Rotterdam
konto n-ro 42.69.01.444

Universalaj Kongresoj

59-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Hamburgo, 1974 07 27 - 08 03

Alta Protektanto: D-ro Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FR Germanujo.

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.

Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Schärstr. 26, D-205 Hamburg 80.

# OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 8 1974 05 01

## MALPLI KOSTAJ HOTELĈAMBROJ HAVEBLAJ!

La prezoj de unulitaj hotelĉambroj, indikitaj sur la oficiala ĉambromendilo, kiun ĉiu kongresano ricevas kun la Oficiala Bulteno, komenciĝas je 25,- germanaj markoj por ĉiu nokto en la plej malalta kategorio C. Nun tamen, LKK atingis, ke la Urba Turisma Oficejo, kiu peras la hotelmendojn, peru ankaŭ malpli kostajn ĉambrojn en pensionoj kaj malgrandaj hoteloj, je prezo de maksimume po 23,50 g.m. por ĉiu nokto. La kongresanoj, kiuj deziras profiti tiun novan eblecon, povas uzi la saman ĉambromendilon, nur aldonante post la indiko pri prezoklaso la vortojn: "ĝis 23,50 g.m." Tiu prezo inkluzivas la matenmanĝon kaj servmonon.

## HOTELMENDOJ - NUR AL LA URBA TURISMA OFICEJO!

Montriĝis, ke kelkaj kongresanoj malatentas la instrukciojn sur la ĉambromendilo dissendita kun la Oficiala Bulteno, sendante la mendilon al la adreso de LKK anstataŭ al tiu de la urba turisma oficejo (Fremdenverkehrszentrale). Ĉiuj mendantoj bonvolu bone atenti, ke la ĉambromendilo estu sendita nur al la adreso de Fremdenverkehrszentrale presita en kadro sur la mendilo. Sendo al alia adreso povas kaŭzi nur prokraston de la traktado de la mendo.

## AMPLEKSA PROGRAMO DE ISU FIKSITA

En sia kunsido de aprilo 1974 la Estraro de UEA akceptis nekutime ampleksan programon por la 27a Sesio de la Internacia Somera Universitato, okazonta en la kadro de la Universala Kongreso en Hamburgo.

Prelegos prof. H. Ebinger (FR Germanujo - rektoro de la Sesio), prof. M. Isaev (Soveta Unio), prof. S. Kawamura (Japanujo), d-ro K. Kordylewski (Pollando), prof. I. Lapenna (Britujo), prof. P. Neergaard (Danlando), prof. O. Pancer (Jugoslavio), prof. V. Peevski (Bulgarujo), prof. J. Régulo-Pérez (Hispanujo), d-ro C. Støp-Bowitz (Norvegujo) kaj prof. G. Waringhien (Francujo) - entute 11 profesoroj el 11 landoj. La temoj varias de lingvistiko ĝis astronomio, de juro ĝis ornitologio. Plurajn prelegojn ilustros lumbildoj, filmoj aŭ son-registraĵoj.

CENT PROGRAMEROJ EN NAŬ TAGOJ

Kiel ĉiujare, la Universala Kongreso proponas al la aliĝintoj intereso-plenajn tagojn kaj vesperojn, kun bona ekvilibro de laboraj, kulturaj kaj festaj aranĝoj. La definitiva programo laste akceptita de la Estraro de UEA ampleksas preskaŭ precize cent erojn, ekde la Gazetara Konferenco en la antaŭkongresa vendredo ĝis la Solena Fermo.

AKCENTO JE LA LANDAJ KAJ FAKAJ ASOCIOJ

Krom la ĉefa temo de la Universala Kongreso - "Naciismo kaj internacia kunlaboro en la nuntempa mondo" - elstaras en la kongresa programo la aparta atento dediĉota al la laboro de la landaj kaj fakaj Esperanto-asocioj. La Unua Ĝenerala Kunveno pritraktos, krom la raporto de la Estraro de UEA, la temon "Plifortigo de la landaj asocioj". La Debato, kiel jam anoncite, havos la titolon "Landaj revuoj en Esperanto - ĉu utilaj?". Aparta kunsido de respondeculoj de la landaj asocioj diskutos "Kion fari kontraŭ perdo de membroj?". Kaj, krom la multnombraj unuopaj kunsidoj de fakaj organizaĵoj, simila kontakt-kunsido de iliaj respondeculoj interŝanĝos vidpunktojn pri komunaj problemoj.

BLINDULA KONGRESO JAM PLENA

Aliĝoj al la 42a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj ne plu estas akceptataj. La organizantoj anoncis, ke la disponeblaj lokoj jam estas ĉiuj plenigitaj.

INFANOJ SERĈATAJ!

La 14a Internacia Infana Kongreseto ĝuos tre bonajn kondiĉojn kaj alt-nivelan gvidadon. Tamen ĝi ankoraŭ povos akcepti multe pli da junaj kongresanoj (ĝis la aĝo de 13 jaroj). Interesitoj povas ricevi specialan aliĝilon ĉe la konstanta adreso de la UK aŭ ĉe la adreso de la Infana Kongreseto: S-ino Elfriede Blasius, D-2 Hamburg 70, Grenzknick 7, FRG.

TURISMAJ ELDONAĴOJ APEROS EN ESPERANTO

Okaze de la Kongreso la informejo "Hamburg Information" eldonos en Esperanto sian grandformatan, gazet-aspektan prospekton pri Hamburgo kun urba mapo. Informan kajereton en Esperanto pri Hamburgo krome disponigos la Ŝtata Gazetara Servo.

HUNGAROJ - TAMEN UNUOPE . . .

Hungara Esperanto-Asocio informas, ke bedaŭrinde ne realiĝos la planita karavanvojaĝo al Hamburgo el Budapeŝto. Hungaraj kongresanoj sekve devos fari individuajn vojaĝplanojn.

NOVA LIMDATO JAM PROKSIMIĜAS

Kvankam principe (laŭ la aliĝilo-teksto) la aliĝoj por Hamburgo estas akceptataj nur ĝis la 20a de junio 1974, la ĝisnuna nombro de aliĝoj permesas akcepti novajn kongresanojn ĝis la lasta momento, eĉ en la kongresejo mem. Tiuj, kiuj emas fari siajn decidojn lastmomente, tamen atentu, ke estas pli avantaĝe aliĝi ankoraŭ antaŭ la 20a de junio. Post tiu dato aplikiĝas speciala krompago de pliaj 25,- guldenoj pro la malfrua aliĝo. La solaj esceptoj estos tiuj kun pasportaj aŭ transpagaj malfacilaĵoj, kiuj ĝustatempe sendis aliĝilon al la konstanta adreso en Rotterdam laŭ la instrukcioj publikigitaj pli frue.

KARAVANO EL STRASBURGO

Novan fervojan karavanon de Strasburgo al Hamburgo, kun rabato ĝis 50%, anoncas s-ino Reynaud, Montfleuri, F-84380 Mazan, Francujo.

740501 -fino.